XXVIII-a Jaro. — N° 380 (4) Monata Aprilo 1932.

# ESPERANTO

Internacia Revuo eldonata de Universala Esperanto-Asocio

Fondinto : H. HODLER. — Redaktoro : D-ro Edmond PRIVAT. — Direktoro de UEA : Hans JAKOB.
Adreso de la Redakcio kaj Administracio : 1, Rue de la Tour de l'Ile, Genève.

## Al la Membraro de UEA.

Karaj Samideanoj.

Pro grava kaŭzo la subskribintaj Komisionanoj deziras adresi al vi kelkajn parolojn.

La monda krizo, kiu jam disrompis instituciojn laŭŝajne fonditajn por la eterno, nun elstrekas sian mortpremigan manon ankaŭ kontraŭ la Esperanto-Movado. Per nia lingvo ni volas unuigi la homojn, sed la nuna malkontenteco revekigas naciajn malpacojn. Per nia organizo ni komencis detrui la murojn inter la popoloj, sed la pretendita bezono al memprotekto ilin konstruis eĉ pli altaj. Per nia agado ni kreis internacian amikaron, kaj la nuna mizero malhelpas multajn membrojn, daŭrigi siajn rilatojn. El la tuta internacieco preskaŭ nur restis la solidareco de monperdoj kaj la ĝenerala konvinko, ke nur moralaj rimedoj eltiros la homaron el tiu katastrofo. Unu el la moralaj fortoj estas la Esperantismo. Ĉu do vi povas akcepti, ke ĝia universala asocio, nia kara UEA, ĉesigu sian funkciadon pro manko de rimedoj ?

Baldaŭ post sia fondiĝo UEA montriĝis fortikaĵo kontraŭ la Idista krizo. De tiam ĝi travivis nur malfacilajn periodojn. Kiam la mondmilito ĉesigis la laboradon de la plej gravaj naciaj Esperanto-Societoj, UEA sola funkciis kaj savis per tio la movadon. Poste ĝi per ofero de grandaj monsumoj el la heredaĵo de sia fondinto Hodler helpis atingi la rekonstruon de la Esperantistaj rilatoj, kaj dum la pasintaj jaroj ĝi fariĝis per siaj jarlibro, revuo kaj la grandstila disdonado de libroj la koro de la internacia Esperantismo. Ĉiam UEA laboregis, batalis, esperis ; je siaj kostoj ĝi entreprenis la sukcesan propagandon ĉe la Ligo de la Nacioj ; per altaj monsubtenoj ĝi ebligis la kreon de la nuna internacia organizo Esperantista. Ĉie helpinte, ĝi kredas sin rajtigita sin turni nuntempe al la samideana helpemo.

Kiam post tiom da klopodoj ni rajtis atendi meritita prosperon, la nova krizo minacas ĉion detrui. Denove multaj Esperantistoj ne povis renovigi sian membrecon, el diversaj landoj oni eĉ ne povas forsendi monon, kaj preskaŭ ĉie ajn la mono perdis parton de sia valoro. Tion eksentas la administrado same kiel nia kapitalo. Pliaj alpagoj el ĝi ne plu estas eblaj, ĉar restu sufiĉe da mono en ĝi por provizora ekzisto aŭ, se necesege, por honesta likvido.

Nia komisiono, kunveninte dum la kvar Pasko- tagoj en Genève, detale ekzamenis la situacion kaj alvenis al jenaj konkludoj :

a) *La administracio estas zorge farita kaj meritas neniun riproĉon, sed dankan rekonon. Se okaze suferis la kvalito de la laboro pro la kvanto, tio devenas de la superŝarĝiteco de niaj tro malmultaj oficistoj.*

b) *Per redukto de la salajroj, forluo de oficspaco kaj aliaj ŝparegoj, UEA funkcios dum la kuranta jaro ankoraŭ laŭ kutima maniero.*

c) *La agado dum la jaro 1933 estos severe adaptata al la ricevotaj enspezoj. Se necese, la Komisiono ne hezitos, proponi al la Komitato drakonajn rimedojn, kies sekvoj eklusos la tutan Esperantismon.*

Amikoj, ne temas pri bona aŭ malbona farto de ia societo. Hodiaŭ ni demandas vin : Ĉu vi volas aŭ ne, ke ĉesu funkcii via asocio, kvankam ĝi estas morale forta kaj sana, pro dumtempa malkresko de la enspezoj ? Ĉu vere vi volas, ke fariĝu vanaj viaj multjaraj klopodoj, viaj ĝisnunaj monoferoj, la tuta intereso, la amo, kiun vi montris al via asocio ? La proksiman jaron la Esperantistaro povus festi la 25-an datrevenon de la fondiĝo de sia plej grava, plej konata societego. Kaj ĉu anstataŭ feston ni aranĝu funebron, por konstati, ke la pretenditaj centmiloj da Samideanoj lasis morti je malsato sian plej kapablan infanon ?

Tio ne povas esti via volo !

En tuta seriozeco ni alvokas vian komprenon, vian propran intereson kiel Esperantistoj. Amikoj, pripensu kaj decidu mem ! Iru al viaj konatuloj, supreniru ŝtuparojn kaj frapu al la pordoj, por ke nia kara UEA trapasu tiun plej malfacilan periodon de sia ekzisto !

*Amikoj de UEA, pruviĝu amikoj, kreante amikojn !*

Genève, Pasko 1932.

La Komisiono de Universala Esperanto-Asocio.

Ed. STETTLER, Prezidanto, Johannes KARSCH, Vicprezidanto,
Rud. HROMADA, D-ro PONCET, Fritz ROCKMANN,
Paul BLAISE, London. (per skriba konsento.)

# Universala Esperanto-Asocio

## dum la tutmonda financa katastrofo

Kara leganto,

Multaj el vi verŝajne demandis sin kiel UEA sin aranĝas por kontraŭbatali la efikojn de la tutmonda katastrofo, kiu nature ankaŭ ektuŝas nian Asocion. Ĉe internacia organizaĵo kiel UEA, tia ĝenerala katastrofo ja devas forte sentiĝi. Prezentante al vi ĝian staton, ni klopodas esti kiom eble plej koncizaj kaj petas vian bonvolan atenton.

### 1. *Aspekto.*

Vi ĉiuj konscias pri la graveco de la situacio kaj spertas mem la efikojn. Senlaboreco, redukto de salajroj, alta vivkosto, maltrankvila irado de l'negocoj. Eble vi ankaŭ spertas mem la sekvojn de la kurzfalo de plej bonaj kaj fidindaj valutoj : Brita, dana, norvega, sveda. Certe la plej grava bato por internacia entrepreno estis la kurzfalo de l'brita mono, alie dirite la forlaso de l'ora garantio por la cirkulanta mono brita. Ĉiu kiu konscias aŭ mem spertis kion tio signifas, ne bezonas klarigon. Ni nur memorigu al la disfalo de l'aŭstria, germana kaj aro da aliaj monoj kun aliaj postesignoj ankoraŭ ne forigitaj.

Oni povas diri, ke inter la gravaj valutoj nur kvar konservis sian laŭleĝan valoron. Ili estas : La Dolaro usona, la svisa Franko, la nederlanda Guldeno kaj la franca Franko. La aliaj valutoj estas aŭ sen firma ora bazo, aŭ sub la protekto de eksterordinaraj dekretoj, por ke ili ne disfalu.

Sed tio ne sufiĉas. Por protekti sian monon, aro da landoj fabrikis leĝojn, kiuj celas haltigi la eksporton de propra mono aŭ kiuj malebligas aĉeton de alia *fremda* mono. Tiu ĉi limigo pagi al eksterlando etendiĝas de simpla neta pagoĉeso ĝenerala kun pago-malpermeso eĉ de etaj sumoj (Aŭstrio, Bulgarujo, Greklando, Hungarlando, aro da sud-amerikaj ŝtatoj) ĝis permeso pagi semajne aŭ monate certan sumon laŭ speciala peto (Estonio, Germanujo, Hispanujo ktp). Aliaj landoj postulas pruvon de urĝa neceso pagi al eksterlando. Ĉefdelegito tre sarkasme skribis al ni : « *Pagi al eksterlando estas preskaŭ konsiderata kiel krimo* ».

### 2. *Efiko por UEA.*

Kiel nun tio efikas al nia Asocio ? Ke pagi kotizon estas por multaj el niaj membroj jam ofero, tion ni nur aludu. Cento da kortuŝaj korespondaĵoj tion atestas. Mortiga estas la alia efiko de l'katastrofo, nome la malkresko konsiderinda de l'enspezoj. Tiu ĉi malkresko estas dufonta.

1. *Malkresko pro malpliiĝo de la membraro, sekve de manko de mono.*

2. *Malpliiĝo de la sumo ricevata por la kotizoj, pro kurzfalo.*

Kelkaj ciferoj tion ilustras :

(Ni devus ricevi : Por M.: 4.50; MA: 11.25; MS: 22.50 Frk. sv.)

Ni ricevis por kotizoj :

| *Jaro:* | *Membro:* | *Membro-Abonanto:* | *Subtenanto:* |
|---|---|---|---|
| 1931 | 3,73 | 8,85 | 21,50 |
| 1932 | 3,34 | 7,74 | 20,96 |
| Malpli | 0,39 | 1,11 | 0,54 Fr. sv. |

Tiuj ciferoj rilatas al la unua kvaron-jaro administra. Laŭ ili la malpliiĝo de la enspezoj de UEA por 1932 estos 20-25% kontraŭ tiuj de 1931, supozante la saman nombron de pagintoj. Jam antaŭe UEA konsentis favoran kotizon al anoj en tiuj landoj, kie la pagopovo estas notinde malpli alta ol en la ĉefaj landoj. Alia konstato montras, ke je sama epoko de 1931 pagis la kotizon laŭ oficiala valoro la anoj en 21 landoj. Hodiaŭ restas sole kvar tiaj landoj.

### 3. *Kontraŭago.*

Kiam ni preparis la budĝeton por 1932 ni konsciis pri la malcerteco de l'enspezoj. Dum Septembro pasinta tamen, la efikoj de la skizita financa katastrofo ne estis konataj kaj ankoraŭ ne ekzistis sperto pri la influo de tiu aŭ alia registara decido rilate je la pagado internacia.

La unuaj tri monatoj (la administra jaro de UEA komenciĝas en Novembro) pravigas nian timon rilate je la eksteraj malhelpoj. Kuraĝigaj tamen estas la multaj pruvoj pri fideleco kaj oferemo, pri kiuj ni raportas ankoraŭ aliloke.

La kunveno de la Komisiono dum Pasko 1932 ĉefe okupiĝis pri la situacio nuna. Post priparolo de la raporto de l'Direktoro, la Komisiono decidis malaltigi salajrojn, kaj ĉiujn elspezojn, kiuj ne endanĝerigas la varbopovon de la Asocio. La plej forta malaltigo rilatas al la *salajroj*. Ni subluis la duonon de nia *oficejo* kaj sidas premegitaj inter mebloj, maŝinoj kaj aktaroj. Ni traktis kun la *presistoj* kaj ili bonvolis konsenti ŝatindan redukton de niaj ĉefaj bezonaĵoj. El 21 rubrikoj de nia budĝeto, 11 povis esti malaltigitaj de 9-14%. La resto de la aliaj elspezoj ne povas esti ŝanĝataj, ĉar ne influeblaj de ni. Tio rilatas al afranko, premioj, subvencio al ICK, k.a.

*Resume:* Forta detranĉo de ĉio, escepte la liveraĵoj al niaj membroj. Ĉu ekzistas alia societo, kiu tiom zorge traktas siajn membrojn, klopodante konservi ĉiujn favorojn, malgraŭ kompleta ŝanĝo de cirkonstancoj ?

La ŝparo kiu rezultas el supra « dekreto » estas preskaŭ 10%, rilate al la proponita budĝeto por 1932.

Ĉu tio sufiĉas ? Zorge kunmetitaj ciferoj pruvis ke ne. La malkresko de l'enspezoj, ĉe sama membraro kiel en 1931 ja atingas pli ol 20%, do la duoblon. Vidiĝas ankaŭ el tio, ke certa minimumo de anoj, eĉ sub normalaj kondiĉoj estas necesa. Sub *ne-normalaj* kondiĉoj, perdego estas neevitebla. Tiam fundamenta transformo de la Asocio necesiĝus : Forigo de la centra membrokontrolo, redukto de la revuo al kvarpaĝa bulteno, de la Jarlibro al adresaro centpaĝa, limigo de la korespondado, limigo de la Delegitoj al lokoj kun nur 50.000 loĝantoj, k.t.p.

Ĉu UEA en *tia* vesto posedas la saman povon kiel nun, estas demando facile respondebla de vi mem. El forta Asocio, preciza en siaj principoj kaj celoj, fariĝus *societo*, ne plu konsiderata kiel « Universala ».

### 4. *Aliaj rimedoj.*

La antaŭe dirita montras do, ke nur unuflanka klopodado ne sufiĉas. Same kiel la malbono, sub kiu ni ĉiuj suferas, venas el pluraj kaŭzoj, la sanigo devas komenci de pluraj flankoj.

Pro tio ni turnas nin al vi ĉiuj, Delegitoj kaj membroj, ke vi partoprenu en nia klopodo, eviti la disfalon de la Asocio per insista *varbado de novaj anoj.* Por kuraĝigi al tio, la Komisiono de UEA aprobis, ke al novaj anoj varbitaj de post Februaro 1932 estas konsentota la premio de *frupago,* laŭ la aldonita listo.

De la Delegitoj de nia Asocio ni esperas plie, ke ili tre atentu la repagon de l'kotizo de la *malnovaj* anoj, ankoraŭ ne pagintaj por 1932.

La kotizoj de Membro kaj Membro-Abonanto apenaŭ pagas la krudajn kostojn por la liveraĵoj. Por plibonigi la financojn, ekzistas la kotizo de Subtenanto, (25 Frankoj svisaj). Ankaŭ dum nuna jaro la nombro de Subtenantoj estas ĝojiga. Jam pagis ĝis fino de Marto 1932 kvarcent (precize : 430) kaj estas ekster dubo, ke ni ree atingos por 1932 la saman staton kiel por 1931, preskaŭ 500. Se nur unu dekono de la membraro paganta por 1932 aliĝus kiel Subtenantoj, tiam grava, tre grava helpo okazus al UEA. Kun milo da Subtenantoj ni povus fakte forigi la duonon de la atendebla perdo en 1932. Ni varme petas vin, ekzameni tiun ĉi aferon kaj precipe esplori, ĉu vi ne povus aŭ mem fariĝi Subtenanto (se vi ne jam estas) aŭ konvinki samideanon ke li konsentu pagi tiun pli altan kotizon. Memoru, ke via ofero ne estas sen rekompenso. Vi rajtas belan premion da libroj, kiu ja kelkfoje valoras laŭ vendoprezo pli multe, ol la kotizo de Subtenanto. Konkludo : Varbu novajn anojn, ne forgesu la nepagintojn kaj esploru, kiel vi mem povas fariĝi Subtenanto.

Por faciligi la aliĝon kiel Subtenanto, la Centra oficejo kaj la teritoriaj oficejoj de UEA akceptas partpagon. Membroj kaj Membro-Abonantoj jam pagintaj por 1932 povas transiri al kategorio de Membro-Subtenanto, pagante la diferencon.

### 5. *Plia helpo.*

Dum la Komisiona kunveno oni diskutis ankaŭ la eblecon de ĝenerala monkolekto « *por ŝtopi la truon* ». La opinioj pri la dezirindeco de sistema monkolektado por tia celo varias. Tamen oni interkonsentis ke « almozpetado » por organizaĵo tiom grava kiel UEA, ne estas inda. Sed la Komisiono opinias, ke donaco de komprenema amiko estas tute ne malakceptinda, ke kontraŭe ĝi estu akceptota kun kora danko. Jam pluraj membroj de UEA tion komprenis kaj la Komisiono siavice dankas al

Sinjorino Félicie Staes, Koelkelberg-Bruxelles.

Subtenantino kaj donacintino de 1.000 Frk. Belgaj, Sinjoro Paul Bouvier, Genève, Dumviva Membro kaj Subtenanto por 1932, donacinte la sumon de 100 Frk. svisaj.

La liston de la bonvolaj donacantoj ni publikigos regule en ESPERANTO.

*Sinceran dankon al ĉiuj!*

Tie ĉi ni rimarku ankaŭ, ke malgraŭ la tre streĉa situacio, aliĝis en 1932 kaj pagis la kotizon de Dumviva ano la jenaj samideanoj, atestantaj ilian fidon al nia Asocio :

D-ro Spindler, Volmünster les Bitche, Francujo.
S-ro Clemente Daglio, Alessandria, Italujo.
S-ro Hans Sievers, eksministro, Braunschweig, German.
S-ro Hj. Vesterinen, Tampere, Finnlando.
F-ino A.W.F.L. Aalders, Rijssen, Nederlando.
D-ro Ignacy Dziedziec, Torun, Polujo.

(Tio estas finnlandano, franco, germano, italo, nederlandanino, kaj polo).

### 6. *Servaro de UEA.*

Malgraŭ la ĉiutagaj zorgoj, la Asocio daŭrigas sian aktivecon. Nur per agado konstanta, celkonscia kaj firma ni venkos la krizon. Se *ne* estas eble okupiĝi pri novaj servoj, ni tiam almenaŭ klopodu, por ke la ekzistantaj servoj funkciu. Por konigi ilin pli bone kaj informi pri ĉio necesa, ni eldonis libreton 96 paĝan, titolitan « *Servaro de UEA* », La libreto estas sendata dum nuna monato al la membroj pagintaj la kotizon por 1932. Ĝi sendube helpos pliviglígi la intereson al la internacia apliko de nia lingvo.

* * *

Karaj samideanoj,

Ni prezentis al vi la situacion de la Asocio sen koloro, nek nigra, nek roza. La faktoj parolas por si mem. Ĉu estas saĝe veni al vi kun optimismo aŭ la kontraŭo, tiun demandon ni ne esploru, la vero venkos ĉiam. Kion ni petas de vi estas, ke vi konsciiĝu pri la grava, tre grava momento : Temas ne plu pri ŝanĝo de tiu ĉi aŭ alia detalo en niaj aranĝoj. Temas pri la

*ekzisto kaj daŭrigo*

de la Asocio, en la nuna formo. Baldaŭ estos 25 jaroj, ke fondiĝis UEA kaj estus tragedio, se precize tiam, UEA devus ĉesi sian agadon en la ĝisnuna formo. Trapasinte plurajn okazaĵojn simile danĝerajn (Lingva krizo 1908, mondmilito, inflacio), ni estas absolute certaj, ke per via kunhelpo, precipe per via propra oferemo

*ni sukcese trapasos la krizon.*

Kun tiu ĉi firma certeco, fundita sur multaj belaj signoj de kompreno kaj helpemo pruvitaj al UEA, flanke de plej kompatindaj viktimoj de la nuna stato, la senlaboruloj, ni finas nian raporton, kun la peto :

*Legu, pripensu kaj agu.*

UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO.
Hans JAKOB, Direktoro.

# Universala Esperanto-Asocio

**Centra Oficejo : 1, Tour de l'Ile, Genève, Svislando**

## Oficiala Informilo

**Administra jaro 1932 N-ro 17 Aprilo 1932**

*Raporto* 1931. — Pro manko de loko la daŭrigo de l'raporto pri 1931 sekvos en venonta numero.

*Garantia Kapitalo.* — Akiris ateston al la Garantia Kapitalo kaj per tio ĉi la Dumvivan Membrecon al UEA :

*Atesto: Dua Serio:*

| | | |
|---|---|---|
| Antaŭa sumo | Frk. Svis. | 13.500.— |
| 46. S-ro Hj. Vesterinen, Tampere, Finnl. | | 300.— |
| | Frk. Svis. | 13.800.— |

Ni memorigas, ke atesto al la Garantia Kapitalo de UEA kostas 300 Frankojn svisajn. Oni povas pagi en partoj, dum daŭro de tri jaroj. La atesto de la G. K. de UEA rajtigas je dumviva membreco al la Asocio, dumviva abono al *Esperanto* kaj rajtigas ricevi ĉiujn dokumentojn fiksitajn laŭ la statuto aŭ laŭ decido de la Komitato.

*Stato de UEA.* — Je la 31 Marto 1932 la Centra Kaso enskribis kotizojn (de unua de Nov. 1931 ĝis 31 Marto 1932). — Por komparo servu la nombroj por 1931, je sama epoko :

| 1932 | Kotizoj : | 1931 |
|---|---|---|
| 75 | Helpmembroj | 55 |
| 1923 | Membroj (M) | 1968 |
| 3222 | Membro-Abonantoj (MA) | 3871 |
| 430 | Membro-Subtenantoj (MS) | 438 |
| 5650 | (1932) Stato 31an de Marto: (1931) | 6332 |

*Bilanco 1931.* — La Komisiono de UEA dum sia kunsido, Pasko 1932 difinis du el ĝiaj anoj por ekzameni la bilancon del' jaro 1931. Post raporto, la Komisiono de UEA aprobis la bilancon kun danko al la Direktoro kaj Kasistino. La du kontrolintoj bonvolis konfirmi la ekzamenon per jena enskribo :

*« Okaze de la kunveno de la komisiono de UEA Pasko 1932 la subskribintoj laŭ komisio de la aliaj anoj ekzamenis en kadro de ebleco la librotenadon de la Asocio. Ni konstatis ke libroj kaj kontoj estas orde kaj zorge tenataj kaj ke la unuopaj bilanceroj respondas al la efektiva stato laŭ la kontoj. Ni rekomendas malŝarĝon de la Direktoro kaj de la Kasistino, sub esprimo de sincera danko por tiu grava laboro. »*

*Genève, 28an de Marto 1932.*

*Johannes Karsch, Vicprezidanto: Fritz Rockmann, Komisionano.*

La laŭstatuta ekzameno de la bilanco okazas dum Aprilo per S-ro Camille Rogister, Eksperto pri librotenado.

## Adresaro : Novaj lokoj kun Delegitoj

**Argentino**

*Marcos Juares.* — D : Aurel. Cordoba, Lista de Correos.

**Francujo**

*Drancy* (Seine). — D : Raoul Melo, 30, rue du Chemin-Vert.
*La Ciotat* (Bouches-du-Rhône). — D : Roland Raven-Hart, « Les Lavandes » au Liouquet.
*Les Bordes* (Yonne). — D : J. Camescasse, prof., Jumeau par Les Bordes.
*Perpignan* (P-O.). — D : René Llech-Walter, 11, cours Lazare Escarguel. VD : Jean Llech, 7, rue de l'Avenir.
*Strasbourg* (Bas-Rhin). — D : Albert Barondeau, rue de la voie 5, Schiltigheim. VD : Paul Wehrung, 3, rue Adam Strobel, Meinau.
*Vallauris* (A. M.). — D : Marius Betti, rue Haute, 3.

**Germanujo**

*Wiednitz* (Schlesien). — D : Conrad Hahmann, ĉefinĝeniero.

**Hispanujo**

*Huesca.* — D : S-ino M. del Rosario Pueyo, profesorino, Berenguer 2-2.

**Indoĉinio**

*Hanoi.* — D: André Guérineau, Service Radio.

**Italujo**

*Riva sul Garda.* — D: Italo Tosana, Dir. Unione Bancaria Nazionale.
*Napoli.* — D: Prof. Stellacci, Vicoletto Trinità Spagnoli 3.

**Japanujo**

*Osahaja* (Nagasaki-Ken). — D : Minoru Jamada, Sasagami maĉi.

**Nederlando**

*Gorinchem.* — D : S-ino Margartha Johanna de Haan-de Cock Buning.
*Hengelo* (Gelderland). — D : M. W. H. Menkhorst, Banninkstraat 232.

**Svedlando**

*Hällevik* (Blekinge) — D : S-ro Bror Henry Matheus Ysner.

*La supraj elektoj fariĝos valoraj se ĝis 30 tagoj post la nuna publikiĝo neniu membro protestas pro gravaj kaŭzoj. Intertempe la novaj D kaj VD agas provizore.*

**EKSIĜOJ & FORSTREKOJ**

Ne plu estas D en jenaj lokoj :

*Britujo:* Halstead. — *Bulgar.:* Baĉkovo.
*Ĉeĥoslovakio:* Ledce-Šternberk; Litovel; Luze v.Ĉ. Pastovce; Rychnov n.K.; Salka; Sehrlenz; Sirk.
*Hispanujo:* Jerez de la Frontera.
*Japanujo:* Fukuoka; Kumamoto; Tiba.
*Jugoslavujo:* Smederevo. — *Italujo:* Ferrara.
*Latvio:* Majori; Rezěkne. — *Nederlando:* Hoensbroek.
*Persujo:* Recht. — *Polujo:* Święciany-Wilenskie.
*Svislando:* Altstätten; Biel; Vallorbe. *Usono:* Binghamton (N. Y.).

*Statistiko de la Delegitoj.*

| | |
|---|---|
| Stato je la 15 Marto 1932 | 1.930 lokoj |
| Lokoj forstrekitaj laŭ supra listo | —25 » |
| | 1.905 lokoj |
| Novaj lokoj de 15.2—15.3.32 | 10 » |
| Stato je la 15. Marto 1932 | 1.915 lokoj |

Genève, 15 Marto 1932. Hans Jakob, *Direktoro de UEA.*

# La premioj 1932

### A. Frupago kaj varbado (Dua listo)

4. *Aleksandro Drozdoj : Krucumo.* « Datoj kaj faktoj pri la Paca Movado ».
6. *De Ségur :* Respondoj al kontraŭreligiaj paroloj.
8. *Misu Beraru :* Spite la vivon ! Mezgajaj poemoj
9. *Oficiala dokumentaro Esperantista.* XVIa kongreso Helsinki 1922. — XVIIIa Kongreso, Edinburgh 1926. XXIIa Kongreso, Oxford 1930.
11. *Oficiala Jarlibro de la Esperanto-Movado.* 1926.
15. *Waldemar Bonsels :* Ŝolandro.
« Datoj kaj faktoj pri la Paca Movado ».
16. *D-ro Edmond Privat :* Esprimo de Sentoj.
23. *S. Grenkamp-Kornfeld :* 5.000.000...

KIU VARBAS

Unu novan *Membron* rajtas elekti *unu* premion el serio A.
Unu Membro-Abonanton : Du premiojn el serio A.
Unu Subtenanton : Tri premiojn el serio A.
Unu Dumvivan : Du premiojn el serio B.

Dek Membrojn : Unu premio el serio B.
Kvin Subtenantojn : Unu premio el serio B.

HELPMEMBRO

Por permesi daŭrigon de l'membreco en kelkaj landoj, ni starigis tiun provizoran kategorion. Kotizo estas la duono de l'kotizo de simpla Membro (M.)

Helpmembro ricevas membrokarton sed ne la Jarlibron, nek revuon ESPERANTO. Sed li rajtas elekti *unu* premion el la listo Serio A. Plian premion, ekzemple, por frupago, Helpmembro ne rajtas.

La premioj por Subtenantoj (listo B restas la samaj).